# LA GASTO

DUAKTA KOMEDIETO



ORIGINALE VERKITA

DE

SINJORINO VALLIENNE



PARIS
PRESEJO DE LA PRESA ESPERANTISTA SOCIETO
33, RUE LACÉPÈDE, 33

—

1906

*Prezo* **50** *centimoj*

# LA GASTO

DUAKTA KOMEDIETO



ORIGINALE VERKITA

DE

SINJORINO VALLIENNE



PARIS

PRESEJO DE LA PRESA ESPERANTISTA SOCIETO

33, RUE LACÉPÈDE, 33

—

1906

# LA GASTO

---

## AKTO UNUA

---

Sinjoro PETITPONT, *legante*

Oni diras ke, dum la batalo okazinta la dekan de aŭgusto, la dekstra flankaĵo de Japanoj detruis korpuson da Rusa infanterio. Tamen depeŝo sendita de Ĉe-Fu, sed tute ne certiga, kontraŭdiras tion ĉi. Sekve . . . *(La horloĝo sonoras okfoje.)*

Sinjorino PETITPONT, *trikante, kalkulas*

Unu, du, tri, kvar, kvin, ses, sep, ok. — Fermu vian ĵurnalon, Teodoro.

Sinjoro PETITPONT

Permesu, ke mi finlegu tiun artikolon, blanka katino mia.

Sinjorino PETITPONT

Ne, ne. Ĉu vi ne aŭdis, ke sonoris la oka horo ? Ĉu nun ne estas jam tempo por ludi kartojn ?

Sinjoro PETITPONT

Jes, tamen, tamen . . .

Sinjorino PETITPONT

« Tamen » ne estas deca. Ni estas personoj gravaj kaj seriozaj, kiuj bezonas regulajn kutimojn. Tion certigis la kuracisto, kiu antaŭnelonge diris doktore : « La reguleco estas necesega por la sano ».

Sinjoro PETITPONT

Ĉar la scienco parolis, ni devas obei.
*(Li fermas sian ĵurnalon malgaje.)*

Sinjorino PETITPONT, *prenas ludkartujon kaj preparante la kartojn*

Mi estas tute malkvieta, tute ĉagrena, kiam mi pensas ke baldaŭ nia dolĉa intimeco estos malkvietigata.

Sinjoro PETITPONT

Pro kio ?

Sinjorino PETITPONT

Pro la alveno de tiu knabo.

Sinjoro PETITPONT

Kiu knabo ?

Sinjorino PETITPONT

Nu, Patrico !

Sinjoro PETITPONT

Ho ! diablo ! Mi tute forgesis lin. Tamen mi havas tie ĉi la dokumenton, kiu lin koncernas, la leteron de lia patrino.

Sinjorino PETITPONT

Je kioma horo li alvenos tien ĉi ?

Sinjoro PETITPONT

Ĉu mi scias ? Nia bona amikino, sinjorino Dornart, sciigis al mi, ke ŝia filo venos al ni hodiaŭ vespere. La letero ne difinas horon.

Sinjorino PETITPONT

Ni esperu, ke li ne alvenos noktomeze. Mi fariĝus pro tio subite malsana.

Sinjoro PETITPONT

Se tiu propono vin tedas, kial do vi ĝin akceptis!

Sinjorino PETITPONT

Oni ne povas facile diri al infaneca amikino : « Ví petas, ke mi akceptu « hejmen vian filon, en Parizo, dum « dekkvin tagoj, kaj ke mi lin gvidu ; « sed ni ne volas helpi vin, ĉar tio ĝenas « niajn karegajn kutimetojn ». — Nu! dividu la kartaron. Vidu : piko ; ĝi antaŭmontras tedaĵojn.

Sinjoro PETITPONT

Tio estas vera. — Ha! Ha! Kvankam respublikano, mi ĉiam estas kontenta, vidante la reĝon.

Sinjorino PETITPONT, *pensema.*

Lin mi ne rekonos.

Sinjoro PETITPONT

Kiun ? La reĝon ?

Sinjorino PETITPONT

Ne, Patricon. Li estis kvarjara, kiam mi vidis lin en Tarbes, la lastan fojon.

Sinjoro PETITPONT

Kaj nun ?

Sinjorino PETITPONT, *okupata de la ludo.*

Kvin, mi diras.

Sinjoro PETITPONT

Vi plijunigas lin strange.

Sinjorino PETITPONT

Sed mi diris : kvin, kvin prenojn. Vi konfuzas la aĝon de la junulo kaj la prenojn de la ludo. Tio ne estas tolerebla. Mi al vi donos jam nun vian mentan trinkaĵon, ĉar nia vivado estas elrenversita ; kaj ve ! tio nur komenciĝas. *(Ŝi prenas glason plenan je akvo, kaj en ĝin faligas mentan esencon per gutkalkulilo.)* Ho ! Ĉielo ! Mi verŝis du gutojn troe.

Sinjoro PETITPONT

Ne grava estas tio.

Sinjorino PETITPONT

Kiel ? Ne grava ! Sed tio estas malŝparo.

Sinjoro PETITPONT

Nu, prenu alian glason kaj en ĝin verŝu por vi mem parton de la troaĵo metita en la mia.

Sinjorino PETITPONT

Tio estus denova malŝparo. Ĉar, por ne perdi du gutojn, mi enmetus dek aliajn en mian glason. Kiamaniere tion aranĝi ?

Sinjoro PETITPONT

Mi forlasas la solvadon de tiu problemo.

*Oni aŭdas voĉon en la Koridoro.*

Ne ĝenu vin, fraŭlino ; mi ne povas erari, ĉar estas nur unu pordo je la fundo de l' koridoro.

*(Oni frapas.)*

Sinjoro PETITPONT

Eniru.

ALBERTO, *alvenas, portante valizon.*

Bonan vesperon, sinjoro ; bonan vesperon, sinjorino. Senkulpigu min, ĉar mi ne deprenas mian ĉapelon ; sed mi tre malvarmumiĝis.

Sinjorino PETITPONT

Bonan vesperon, Patrico. Ĉu bona estis via vojaĝo?

ALBERTO

Jes, sinjorino Petitpont.

Sinjorino PETITPONT

Je kioma horo vi forlasis Tarbes'n, amiko mia?

ALBERTO

Je la sepa matene, sinjorino Petitpont.

Sinjoro PETITPONT

Kiel fartas nia bonega amikino, sinjorino Dornart?

ALBERTO

Mi esperas, ke ŝi fartas bone, sinjoro Petitpont.

Sinjorino PETITPONT

Kiel? Vi esperas? Vi do ne estas certa?

ALBERTO

Ĉar de kelkaj tagoj mi ne vidis ŝin, pro la kuzino de la fratino de la kudristino, kiu laboras hejme.

Sinjoro PETITPONT

Tamen vi ĵus diris, ke vi forlasis Tarbes'n matene, je la sepa horo.

ALBERTO

Jes, sinjoro Petitpont.

Sinjoro PETITPONT

Ha! ne diru senĉese: « Jes, sinjoro Petitpont; ne, sinjorino Petitpont ». Mia edzino kaj mi scias nian nomon.

ALBERTO

Bone, sinjoro Petit . . . *(Li metas manon antaŭ sian buŝon.)*

Sinjorino PETITPONT, *aparte.*

Lia patrino estis tute prava, petante nian malseverecon pri li; ĉar li ŝajnas tute timema.

*(Alberto svingas sian valizon tute malprave.)*

Metu do vian pakaĵon sur seĝon, tio helpos vin.

ALBERTO

Tion mi volonte faros, sinjorino Petit... *(Li metas manon antaŭ sian buŝon.)*

Sinjorino PETITPONT

Mi por vi starigis liton en tiu modesta saloneto. Mi esperas, ke tie vi estos sufiĉe bone.

ALBERTO

Vi estas tro bona, sinjorino Pet... *(Li metas manon antaŭ sian buŝon.)*

Sinjorino PETITPONT

Vi ŝajnas laca. Ni tuj lasos vin, por ke vi ripozu.

ALBERTO

Mi dankas vin, sinjorino Pe... *(Li metas sian manon antaŭ sian buŝon.)*

Sinjoro PETITPONT

Dormu bone. *(Ili eliras.)*

ALBERTO, *sola*

Ĉu mi ŝajnas sufiĉe idiota ? Mi kredas ke mi tre bone imitas la veran Patricon Dornart'n. — *Li formetas sian perukon.* — Tiu malspritulo estas venonta Parizon

por dekkvin tagoj. Tion al mi sciigis la kuzino de la fratino de la kudristino, kiu laboras ĉe sinjorino Dornart. En Tarbes, ĉio sciiĝas. — *(Li malplenigas sian valizon kaj surmetas antaŭtukon.)* — Mi diris al mi: Mia knabo, vi deziras vidi Parizon senpage: nu, veturu tuj ĉe ge-Petitpont'ojn. Ili estas boneguloj: pro tio vi devos nur ŝajnigi la kutimojn de tiu malsprita Patrico. — *(Li surmetas katunajn manikojn.)* — Ĉu mi ŝajnas tiel ridinda kiel tiu senpekulo? Do nun ni antaŭeniru gaje! Oni estas juna nur unu momenton. Sed mia diabla peruko ĉiam gluiĝas en mia ĉapelo, kiam mi volas saluti: tio estas tute malagrabla. — *(Oni aŭdas iun moviĝantan en la kuliso.)* — Iu! Ni armu nin rapide. — *(Li remetas sian perukon kaj sian ĉapelon.)*

MARIETO

Jen estas noktolampo, sinjoro. Sinjorino mastrino timas ke tio mankos al vi.

ALBERTO

Danke, ĝojo de mia vivo, stelo de mia koro.

MARIETO

Nu, vi havas nun la langon treege pendantan. Kial do sinjoro mastro diris ke vi ŝajnas idiota.

ALBERTO

Tio ne estas afabla. Sed vi, kion vi opinias pri mi, gajeco de miaj rigardoj ?

MARIETO

Mi opinias ke vi meritas tian severan juĝon. Ĉar ĉu ne estas ridinda tiu surmeto de antaŭtuko kaj de manikoj tiel malbongustaj ? Ĉu vi min helpos por mastrumi ?

ALBERTO

Jes, se por min pagi pri miaj klopodoj vi bonvolas doni al mi meĉon de viaj beletaj blondaj haroj.

MARIETO

Neniam ! Tian donacon al junulo, kiu surmetas katunajn manikojn ! Ho ! abomene !

ALBERTO, *rulas bule siajn manikojn, kaj ilin ĵetas al la naẑo de Marieto*

Nu, ekkaptu. Vi do ne vidis, ke mi simias tiun simplanimulon.

MARIETO

Kiun simplanimulon ?

ALBERTO

Sed tiun de Tarbes, do.

MARIETO

Tiu de Tarbes estas vi mem : ne estas ebla ia eraro.

ALBERTO

Ne ebla ia eraro! Atendu, atendu, friponino. — *(Li kuras ĉirkaŭ la tablo, deĵetas seĝojn, puŝegas valizon kaj fine la tablon mem. Dum Marieton sufokas ridegoj, la peruko kaj la ĉapelo rulas teren. Gesinjoroj Pepitpont eniras skandalitaj.)*

Sinjoro PETITPONT, *tre severe*

Kiam mi donis rifuĝejon al la filo de mia amikino, mi ne kredis ke mi enkondukis sub mian tegmenton tian bruegulon.

MARIETO

Ha ! ha ! ha ! mi mortas! mi sufokiĝas !

Sinjoro PETITPONT

Kion signifas tiu antaŭtuko?

ALBERTO

Ĝi estas . . . estas, por ne eluzi miajn vestojn.

MARIETO

Ha! ha! mi ne povas min starigi. Ha! li estas junulo tute ŝparema; ĉar li havas ankaŭ katunajn manikojn. — *(Ŝi ilin prenas inter siaj fingroj, kaj ilin balancas aere.)*

Sinjorino PETITPONT

Ĝis nun, tio estas la sola kvalito, kiun mi trovis en vi.

ALBERTO, *mallaŭte al Marieto*

Donu mian perukon, friponino. Ĝi troviĝas sub la seĝo.

Sinjoro PETITPONT

Ŝajnas al mi ke antaŭe estis pli longaj viaj haroj.

ALBERTO

Mi ne scias. Sendube estis lampa rebrilo, kiu . . .

Sinjorino PETITPONT

Antaŭnelonge vi ne povis vin senĉapeligi pro malvarmumo.

ALBERTO

Mi pli bone fartas : tiu kurado min resanigis.

Sinjorino PETITPONT

Se por ke vi bone fartu, vi estas devigata ĉiuvespere kuradi tiel hararfluge, ne ankoraŭ alvenis la fino de mia tediĝado.

MARIETO, *skuante la perukon supren*

Kurado hararfluga estas vorto tute ĝusta. Rigardu !

ALBERTO, *saltegas al Marieto, sin puŝegas kaj fortiregas sian perukon*

Kial ci agas tiel malsaĝe, senhontema kreitaĵo ?

Sinjorino PETITPONT

Tamen vi ne estas senharara : kial do vi portas perukon ? Tio ŝajnas al mi malklara. Mi telegrafos al sinjorino Dornart por ke ŝi venu Parizon kaj vin formetu tuje.

Sinjoro PETITPONT

Mi ne min kuŝigos; ĉar mi ne povus dormi en loĝejo kie troviĝas viro vestanta antaŭtukon, katunajn manikojn kaj plie perukon. *(Ili eliras furioze.)*

ALBERTO, *sola*

Nu! mi nun troviĝas en belaj littukoj! Je mia unua vespero, kia bruego, kia puŝego. Malbenita peruko! Malĝentila Marieto! Tamen mi tre bone imitis la Patrican personon. Nun unu nur zorgo min estas okuponta: refari mian valizon. Ĉar mi ne restos dekkvin tagojn tie ĉi; tio ŝajnas certega. Tiuj burĝoj estas koleraj: mi tion tre bone komprenas, kaj mi pri tio ne riproĉas ilin. Sinjorino Dornart ekvenos por kunpreni sian filon; kaj kiam ŝi min vidos, kia vidaĵo, miaj infanoj! Pro tio ŝi min ne trovos tie ĉi. Iru liton: kaj nur morgaŭ la gravaj aferoj!

## AKTO DUA

*En manĝoĉambro, gesinjoroj Petitpont, sidante unu kontraŭ la alia, gustumas sian ĉokoladon.*

Sinjorino PETITPONT

Ĉu vi deziras duan tason, Teodoro?

Sinjoro PETITPONT

Danke, blanka katineto mia; tiu nokto plena je ekscitadoj detruis mian apetiton.

Sinjorino PETITPONT

Mi estis tre dezirema forpeli Patricon hieraŭ vespere.

Sinjoro PETITPONT

Kaj samtempe Marieton. Neniam mi vidis ŝin tiel ridema, tiel ekscitita. Necese estas ŝin observi zorge.

Sinjorino PETITPONT

Vi povas fidi al mi.

MARIETO, *alirante tute timigita*

Sinjorino mastrino, estas iu sinjoro, kiu . . .

Sinjorino PETITPONT

Kion li deziras?

MARIETO

Li volas eniri. Li diras ke li venas el Tarbes.

Sinjorino PETITPONT

Kiel? Tiu ĉi ankaŭ !

MARIETO

Li havas longajn harojn kiel la alia.

Sinjoro PETITPONT

Alia trompanto! Sed, tiun fojon, li ne nin mistifikos. Diru al li ke neniu troviĝas hejme.

MARIETO

Li diras ankaŭ ke li estas la filo de sinjorino Dornart.

Sinjoro PETITPONT

Mi konas tiun petolaĵon. Enirigu. Ni ekvidos ĉu tiu ĉi ludos sian rolon bone.

PATRICO, *eniras, rulante sian ĉapelon en siaj fingroj, gratante sian kapon, kaj salutante*

Sinjoro, sinjorino, *(sin turnante al Marieto)* fraŭlino, mi havas la honoron vin saluti.

Sinjorino PETITPONT

Ne estas bezone saluti servistinon.

PATRICO

Mi kredis ke tiu ĉi fraŭlino estas via filino.

Sinjoro PETITPONT

Ne, vi eraris. *(Aparte)* Sed liaj ŝuoj ŝajnas tute kotaj. *(Laŭte)* Ĉu do vi estis piediranta ?

PATRICO, *timigita*

Jes, sinjoro; mia familio kaj mi mem estas tre religiaj, sekve tre piedirantaj.

Sinjorino PETITPONT *(aparte)*

Li ŝajnas ankoraŭ pli idiota ol la alia. *(Laŭte)* Mia edzo ne volis diri : pie parolanta, sed piede marŝanta.

Sinjoro PETITPONT

Ne estas utile ke vi ŝajnigu la malspritecon. Tio ne nin trompos plu.

PATRICO, *ankoraŭ pli timigita*

Mi ne komprenas. *(Aparte)* Ĉu la amikoj de mia patrino estus frenezaj ? Mi timas.

Sinjorino PETITPONT

Ni konas ĉion, la antaŭtukon, la katunajn manikojn.

PATRICO, *tute ĝoja*

Vi do konas miajn kutimetojn ? Tiam, ĉar vi permesas . . . *(Li surmetas sian antaŭtukon kaj siajn katunajn manikojn.)*

Sinjoro PETITPONT

Ha ! tio estas tro forta ! Kia maltimego ! Li ŝajnas tute simila al la alia. Nun do ĉu vi parolos pri la kuzino de la fratino de la kudristino kiu laboras ĉe sinjorino Dornart.

PATRICO

Volonte. Sed, ĉar mi pensis ke tio vin ne interesus, mi estus preferinta paroli unue pri mia patrino.

Sinjorino PETITPONT

Ĉar oni diras al vi ke ĉiuj viaj rakontoj estas konitaj de A ĝis Z. Vi povas formeti vian perukon.

PATRICO, *miregigita*

Mian perukon! Sed mi ne havas kaj neniam havis tian ilon.

Sinjoro PETITPONT

Se mi tirus viajn longajn harojn, vi fariĝus tre konfuzita.

PATRICO, *mokema*

Provu! (*aparte*) Kia akcepto! Tamen mia patrino min certigis ke mi estos tre ame vartita kaj dorlotita (*Laŭte*) Ai! ai! ai! Haltu; vi min doloras.

Sinjoro PETITPONT, *tirante harojn*

Sed ili estas enradikitaj, enradikitaj tre forte. Ĉu vi deziras provi, blanketa katino mia?

PATRICO

Ha! ne. Sufiĉas! Kiaj manieroj por akcepti la filon de amikino.

Sinjorino PETITPONT

Ni tuj vin ekkonfuzos. (*Kriante*) Marieto, Marieto.

MARIETO

Ĉu sinjorino mastrino min vokis?

Sinjorino PETITPONT

Ekserĉu la duan Patricon.

PATRICO

La duan Patricon! Verege mi troviĝas ĉe frenezuloj. Kia aventuro!

MARIETO, *altirante Alberton*

Venu ĉi, venu ĉi. Oni ne vin manĝos. Tamen ĉio tio ĉi estas klarigota. *(Eniras Alberto kun peruko, antaŭtuko kaj katunaj manikoj.)*

PATRICO

Ĉielo! Mi mem! Mia portreto!

ALBERTO, *rigardante Patricon*

Dio! Kiel mi estas malbela!

PATRICO

Estas eraro optika, sendube spegulo, kiu...

ALBERTO, *frapetante lian ŝultron*

Ne, ne, kamarado mia.

Sinjoro PETITPONT

Nu, sinjoroj, vi ne atendis tiun teatran okazintaĵon.

MARIETO

Mi ne ridas plu. Oni parolas, ĉe mia lando, pri duoblulo‌j : ĉu ili tiel ne estus ? Sinjorino mastrino, mi opinias ke oni venigu policanojn. Mi fariĝus pli trankvila.

Sinjorino PETITPONT

Ne ; mi ne volas armistaron ĉe mi. Kiu estas la filo de S-ino Dornart ?

ALBERTO *kaj* PATRICO *kune*

Mi, mi.

Sinjorino PETITPONT

Kiu loĝas en Tarbes ?

ALBERTO *kaj* PATRICO *kune*

Mi, mi.

Sinjorino PETITPONT

Tion klarigu per detaloj. *(Aparte)* Kia fariĝis mia vivo tiel kvieta ?

ALBERTO, *deklamante*

Tarburbo, ĉefurbo de la Altpirenea departemento, enhavas dudekkvin milojn da loĝantoj kaj kuŝas apud la bordoj Aduraj...

PATRICO *daŭrigante*

Tiu urbo, agrabla loĝejo, havas belan ĝardenon, kiun donacis al la urbanoj la malavareco de unu el ĝiaj loĝantoj, sinjoro Massé...

ALBERTO *daŭrigante*

Ĝi enhavas ankaŭ kelkajn preĝejojn ne tre bone karakterizatajn arkitekture, kaj grandajn soldatejojn...

PATRICO *daŭrigante*

Sur la aleoj de Tourny troviĝas la statuo de l' famega ĥirurgiisto Harrey...

Sinjorino PETITPONT
*ŝtopante siajn orelojn*

Sufiĉas, sufiĉas. Mi konas Tarbes'on kiel mian poŝon.

PATRICO, *direktante pugnon al Alberto*

Ĉu estas ebla tiel moki honestajn homojn ? Tamen mi estas la vera filo de mia patrineto Dornart

ALBERTO, *frizante sian lipharon*

Sinjoro, vi estas nur malsprita mistifikisto. (*Patrico prenas sian naztukon, kaj ploregas en angulo de la ĉambro.*)

MARIETO

Mi opinias ke la havanto de veraj haroj estus kredinde la vera filo de sinjorino Dornart.

Sinjorino PETITPONT

Tiu kiu malordigis mian salonon kredeble estas ankaŭ la morala malhelpanto en tiu tuta historio.

Sinjoro PETITPONT

Nenio nin influu. Pruvojn, sinjoroj, mi petas pruvojn, esperante ke la vero

ekalpaŝos. (*Li metas sian manon en sian jakon kaj stariĝas penseme, kiel statuo de fama viro. Ĉiuj silente kaj senmove atendas.*)

PATRICO, *eksaltegante*

Mil milionoj da diabloj! Pruvoj jen estas! (*Li elprenas el sia valizo kelkajn aferojn kaj ilin prezentas al geedzoj Petitpont.*) Jen la letero de patrineto Dornart. Jen la fotografaĵo de patrineto Dornart. Jen ansera pasteĉo de patrineto Dornart. Jen butero de patrineto Dornart. Jen plata kuko de patrineto Dornart.

ALBERTO (*aparte*)

Mi estas venkita, premegigata. Estas nun sola rimedo savonta : eliri anglamaniere. (*Li eliras silente, sekvata de Marieto.*)

Sinjoro PETITPONT

Tiu ĉi estas la vera filo Dornart. Ho! Kiel tio odoras bone. Tio odoras la provincon. Kial do vi ne parolis pli frue?

PATRICO

Kial? Ĉar mi estis bestigita. Mi vojaĝis senhalte dum tridek-ses horoj. Mi

alvenas en hejmon kie oni min akceptas malbonege, kie oni montras al mi simil-ulon, kie oni tiras miajn harojn. Estu justa : per tiaj farmanieroj oni konfuzigus ideojn de iu ajn, eĉ pli sprita ol mi.

Sinjorino PETITPONT

Estas vere. Dio mia, kiam pri tio mi pensas, mi min sentas tute ĉagrena. Aliru sur mian koron, mia kara Patrico, mi vin premu en miajn brakojn, petante de vi pardonon.

Sinjoro PETITPONT

Sed kie estas la alia, la malvera Patrico ?

Sinjorino PETITPONT

Li eliris, konfuza kaj konfuzita. Sed kiu estas reale tiu junulo ?

PATRICO

Kiam vi min akceptis tiel malbone, — mi tion diras senriproĉe, — ĉu vi ne parolis pri la kuzino de la fratino de la kudristino kiu laboras ĉe mia patrino ?

Sinjoro PETITPONT

Jes.

PATRICO

Nu, tiu junulo estas la frato de la kuzino de la fratino de la kudristino kiu laboras ĉe ni. Li estas Alberto Landamy, la gaja dompentristo. Li konis miajn vojaĝajn projektojn kaj imitis mian kapon. Ha ! mi certigas ke neniam mi tiun ĉi laborigos, kiam mi bezonos pentriston.

Sinjoro PETITPONT, *tre majesta*

Ni same, mia amiko : tion mi ĵuras sur mian honoron. Fine, post tiom da ekscitegoj, mi esperas ke nia vivo denove fariĝos trankvila.

Sinjorino PETITPONT

Kaj ke ni retrovos niajn regulajn kaj karajn kutimojn.

PATRICO

Mi kore partoprenas tian deziron : kaj kiel garantiaĵon de mia amo al la ordigo kaj al la kvietado, mi prezentas miajn katunajn manikojn.

---

